# VERDA UTOPIO

TOKIMUNE




Ukijoe (*japana propra pentraĵo*), de Tojokuni.

MARTO OSAKA. JAPANUJO. 1921

## ENHAVO:

# VERDA UTOPIO

INTERNACIA REVUO ESPERANTA

| ADMINISTRACIO KAJ REDAKCIO: "VERDA UTOPIO" 5265, UEHOMMAĈI 7-ĈOME, MINAMI-KU, OSAKA, JAPANUJO. | ABONO: Jare *En* 3.00 (aŭ 33 Resp. Kuponoj); Duonjare *En* 1.50 (aŭ 17 Resp. Kup.) Helpabono: Jare almenaŭ *En* 5.00 (aŭ 55 Resp. Kup.) Konto ĉe Kaĵima Banko, Osaka. |
|---|---|

**VOL. II. MARTO 1921 NO. 3**



DRO. G. J. RAMSTEDT

**Ambasadoro de Finnlando en Tokio, prezidinto de Esperanto-Asocio de Finnlando.**

# Dro. G. J. Ramstedt

"………Profesoro G. J. Ramstedt estas persono kun grava socia pozicio kaj multa scienca aŭtoritato. Li naskiĝis en 1873, fariĝis en 1906 docento de altaja lingvistiko en la Helsingforsa universitato, poste li estas nomita profesoro en la sama fako."

" Profesoro Ramstedt faris vastajn vojaĝojn en Ruslando, Mongolio kaj Ĉino kaj tie lernis la vivkondiĉojn de la orientuloj. Li ne publikiĝis tre multajn verkojn, sed la publikigitaj estas ŝatataj kiel unuaklasaj sciencaj laboraĵoj. Sed profesoro Ramstedt ne orientiĝis ĉe la orientaj popoloj sole kiel etnografo kaj lingvisto, li ĉie trovis konfidon kaj amon de la homoj kun kiuj li komunikiĝis. Ni aŭdis, ke kiam Mongolio sendependiĝis, al li estis prezentata la plej alta ofico en la nova ŝtato. Ni ne certe scias, ĉu tio estas vera, sed ĉiuokaze ĝi bone karakterizas la sentojn, kun kiuj liaj konatoj al li rilatas. Kaj tamen, prof. Ramstedt estas la plej senpretenda eminentulo iam renkontebla. Li kutimas rakonti per modesta maniero pri siaj riĉaj spertoj inter la fremdaj popoloj, kaj oni ricevas la impreson pri eminenta sciencisto, kiu veturis tute kvazaŭ mongolo inter mongoloj (kiuj tute ne estas parencaj al ni finnoj, spite la populara kredo, kiel prof. Ramstedt plej aŭtoritate pruvis).

Sed ni esperantistoj lernis koni en li antaŭ ĉio idealiston. Varman amikon de ĉiuj bonaj celadoj, antaŭ ĉio sobreco kaj esperantismo. El lia modesta, netrudema karaktero sekvas, ke fremdulo unue tute ne povas supozi pri tiaj ecoj ĉe li."

" Prof. Ramstedt estas eminenta sciencisto, sed li ne esploras la vivon sole per la malvarma penso, lin tute regas ĉionkomprenanta sento, kaj tiuj ecoj faris el li ankaŭ eminentan poeton—kvankam li, fidela al sia modesteco, estas preskaŭ nekonata kiel poezia verkisto."(el Esperanta Finnlando)

# Al la Esperantistoj en Osaka

(Kelkaj vortoj en Kalevala-maniero)

"Ĉu vi vidis en la vivo,
Kie vagas vi laŭvoje,
Kiel, meze en la masoj
De la homoj, iufoje
Kvazaŭ devo de interno,
Kvazaŭ sorta forto ia
Povas igi kaj aligi
Unu homon al alia?
Vi, unue nur vidante
Tuj vizaĝon bone konas,
Voĉ', antaŭe ne aŭdata,
Ĝoje tra la koro sonas."

Tiel kantas la kantisto
De la lando dekmillaga.
Ankaŭ mi la samon spertis
Dum vizito unutaga
La deksesan — la sukcesan! —
De la monato Februaro,
Kiam estis kaj festenis
Mi kun vi, Osakanaro.

Io igis, io ligis
Ĉiun nin al la alia; —
Eble estis Esperanto,
Nek krom tio forto ia:
Ĉu la koro, ĉu la horo
De espero, de vespero?

Nur minutojn, nur momentojn
Povis ni en ĝojo festi,
Dum duono nur da horo
Unu ĉe aliaj resti.
Ĉu ni ree nin renkontos,
Ĉu ni nin denove vidos,
En bonsento, en kontento
Ĉu ni re ĉe tablo sidos?

Timas mi, ke ne. La Tempo
Ne reportos la okazon.
Mi memoros tiun longe,
Ĉiun vorton, ĉiun frazon.
Mi pripensas kun plezuro,
Kiel mi, la nekonata,
Estis inter Osakanoj
Afablege akceptata.

Adlaŭas ni aliajn —
Tia la kutimo estas —,
Sed personoj sampensantaj
Ĉiam, ĉie ĉee restas,
Restas pense, restas mense
Trans la maroj, tra la jaroj;
Tempo, spaco, gento, aĝo
Jam ne povas esti baroj.

Vi, silentaj sinjorinoj
Kaj sinjoroj tre sindonaj,
Por esprimi la dankemon
Vortoj nur ne estas bonaj.
Montru ni per agoj, faroj,
Ke ni ŝatas Esperanton,

Ke ñi aŭdas de l'homaro
La plej noblan novan kanton.

Ankaŭ vi, la sinjorino,
Kiu min en Esperanto
Bonvenigis, vi meritis,
Ke mi vin en mia kanto
Laŭte laŭdas kaj aplaŭdas,
Ĉar vi bone ja parolas.
Certe vi meritas kanton, —
Nun akceptu, se vi volas.

Estas stulte skribi multe,
Se la propraj vortoj mankas.
Sed vi sciu ĉiuj, ĉiu,
Ke mi dankas, kore dankas.
Oran dankon, Osakanoj! —
Jam finiĝas finna kanto —
Kaj anstataŭ adiaŭo
Estu: Banzai Esperanto!

G. J. RAMSTEDT.

## Deklaracio de la Akademio

(Daŭrigo)

### 2. — Difino kaj devoj de la Lingvaj Instituc'oj

La *Lingva Komitato* kaj ĝia *Akademio* ne havas la rajton iniciati iun ŝanĝon, korekton aŭ aldonon, nek krei novajn vortojn; ili devas nur konstati, kontroli, elekti, konsili, rekomendi aŭ malrekomendi: ili estas nur ordigiloj, moderigiloj kaj reguligiloj, kiuj celas konservi la necesan unuecon kaj harmonion.

La rolo de la Lingva Komitato kaj de la Akademio ne dependas de la placo de iliaj anoj, nek de la okaza ŝanĝebla

opinio de iuj esperatistaj grupoj aŭ kongresoj. Tiun rolon, tre klare kaj precize difinitan per la Fundamento, — kiu estas konstitucia leĝo por ĉiu Esperantisto, — per la Fonda Regularo kaj per la Zamenhofaj komentarioj kaj konsiloj, devas akcepti ĉiu Komitatano kaj Akademiano.

Kreante la Lingvan Komitaton kaj Akademion, la Esperantistaro konigis sian precizan celon kaj firman volon, deklarante ke ĉi tiuj institucioj estas komisiitaj " por zorgi pri la *konservado* de la fundamentaj principoj de la lingvo kaj *kontroli* ĝian evolucion " (Regularo).

Sekve la rolo de la Akademio, kiu estas nur organizantaro por la laborado de la Lingva Komitato kaj de la prilingvaj nekomitatanaj kompetentuloj, estas, tute same, kiel tiu de ĉiuj Akademioj en la mondo, rolo esence konserva : la Akademio devas unue malhelpi rompon de la fundamentaj gramatikaj reguloj kaj malrespekton de la fundamenta vortaro ; due ĝi devas zorgi, por ke la evoluado de la lingvo fariĝu laŭ la principoj, reguloj kaj instrukcioj entenataj en la *fudamentaj* dokumentoj.

La signifo de la vorto *kontroli*, uzata en la Fonda Regularo, ne estas duba : " kontroli " estas " esplori, ĉu io estas tia, kia ĝi devas esti " (Vortaro de Bein). Kompreneble tiu ĉi esploro estus tute vana teoria laboro kaj senutila batado de vento, se ĝin ne sekvus efektivigaj konsiloj kaj admonoj. La Fundamento de Esperanto estas je la dispono de ĉiu Esperantisto kiel " konstanta kontrolilo, kiu gardos lin de deflankiĝado de la vojo de unueco " (Antaŭparolo de la Fundamento); sed tiu kontrolilo estas senaga, inerta, pasiva, ĝi estas nur ilo, kiun oni povas uzi aŭ ne uzi. Facile, eĉ senintence, oni povas malzorgi ĝin, forgesi ĝiajn ekzemplojn. La Akademio estas aganta, vivanta, aktiva kontrolanto, kiu kvazaŭe vivigas, efikigas la Fundamenton kaj efektivigas en la praktiko ĝiajn principojn.

La kontrolo de la Akademio, ne forprenante la liberecon de ĉiu Esperantisto, nek barante la normalan naturan kaj laŭnature internacian evoluadon kaj pliriĉigadon de la lingvo, tamen konservas ĝian severan unuecon, kaj gardas la Esperantistojn de blinda kaj senkritika alproprigo de eraroj, de malkorektaĵoj, de novaj nenecesaj, neutilaj kaj nesufiĉe internaciaj radikoj, aŭ de naciaj apartaĵoj kaj *idiotismoj*, kiuj ne estas internacie aŭ almenaŭ sufiĉe ĝenerale kompreneblaj. Ne deprenante de ĉiu Esperantisto "la eblon kritike proprigi al si ĉiujn riĉiĝojn kaj regule faritajn perfektigojn, kiujn li trovas en la literaturo," la Akademio devas esti konstanta helpanto, informanto kaj konsilanto de ĉiuj Esperantistoj kaj precipe de la verkantoj de la gazetoj, senlace rememorigante al ili la necesan disciplinon, la fundamentajn principojn kaj la neprajn kondiĉojn de internacia lingvo, ebligante al ili la necesegan kritikon, refoje postulitan de Zamenhof, kaj la elekton inter relative internaciaj kaj nure naciaj radikoj, inter apartaj naciaj idiotismoj kaj internacie ĝenerale kompreneblaj esprimoj, "ĉar la lingvo internacia, simile al ĉiu lingvo nacia, povos bone atingi sian celon nur en tiu okazo, se *ĉiuj* uzos ĝin plene *egale*"(Antaŭparolo de la Fundamenta Krestomatio). (Fino)

---

## Higan no chu nichi

La Vera Novjaro

La dudekunua de Marto, tiu ĉi tago havas grandan signifon en la mondo. La suno brilas de la meridiano kaj iluminas egale la tutan teron, kaŭzante novan movadon en ĉiuj vivaĵoj. Ĝi estas, laŭ scienco, la vera novjaro, kiam nova vivo venas al la naturo kaj al la homaro. En Persujo de la tempo antaŭmemora ĝi estas konsiderita kiel la sankta tago de la jaro.

En la instruoj de Abdul Baha, Li diras ke tiu ĉi tago estas simbolo de vivo kaj ankaŭ de la Aperigo de Dio inter la homaro, kiu donas al la mondo Veran Vivon, kaj en la nova kalendaro de Baha'O'LLah ĝi estas la novjara tago, kiu estas observata de la Bahajanoj.

La sekvantaj vortoj estas novjara saluto de Abdul Baha :—

" Ho vi infanoj de la Reĝolando ! Estas Novjaro, tiu signifas la rondiron de la jaro. Unu jaro estas la esprimo de ciklo de la suno, sed nun estas la ekkomenco de ciklo de la Suno de Realeco, Nova Ciklo, Nova Epoko, Nova Tempo kaj Nova Jaro. Pro tio ĝi estas tre benata.

" Mi volas ke tiu ĉi beno aperu kaj elmontriĝu en la vizaĝoj kaj karakteroj de la kredantoj, por ke ili ankaŭ fariĝu nova popolo, kaj trovinte novan vivon kaj estante baptitaj per Fajro kaj Spirito, faru la mondon nova mondo, por ke la malnova tero malaperu kaj ke la nova tero elmontriĝu ; malnovaj ideoj forĵetiĝu kaj novaj pensoj venu ; malnovaj vestoj forĵetiĝu kaj novaj vestoj surmetiĝu ; antikvaj politikoj kies fundamento estas milito, forlasiĝu kaj modernaj politikoj fonditaj sur paco levu la standardon de venko ; la nova stelo lumu kaj brilu, kaj la nova suno iluminu kaj radiu ; novaj floroj floru, la nova printempo koniĝu, la nova venteto blovu, la nova donaco malsupreniru, la nova arbo eldonu frukton, la nova voĉo eksoniĝu kaj tiu ĉi nova sono atingu la orelojn kaj la nova sekvu la novan kaj ĉiuj la malnovaj garnituroj kaj ornamaĵoj forĵetiĝu kaj nova ornamaĵaro anstataŭu ilin.

" Mi deziras por vi ĉiuj, ke vi havu tiun ĉi grandan helpon kaj partoprenu tiun ĉi Donacon kaj, ke kun spirito kaj povo vi penu kaj klopodu ĝis kiam la mondo de milito fariĝu la mondo de paco ; la mondo de mallumo, la mondo de lumo ; satana konduto ŝanĝiĝu ĉiela konduto, la ruinigitaj lokoj rekonstruiĝu, la glavo ŝanĝiĝu la oliva branĉo ; la fulmo de malamo fariĝu la Flamo de la Amo de

Dio, kaj la bruado de pafilo, la voĉo de la Reĝolando; la militistoj de morto, la militistoj de vivo; ĉiuj la nacioj de la mondo, unu nacio; ĉiuj rasoj kiel unu raso, kaj ĉiuj la naciaj himnoj akordiĝu en unu melodio. Tiam tiu ĉi materiala mondo estos paradizo, la tero estos ĉielo kaj la mondo de satano fariĝos la mondo de anĝeloj"

Agnes B. Aleksander. (Tokio)

# En Esperantujo

## Verdaj Vesperoj

Ni, Osakaj esperantistojo apenaŭ povis havi grandan kaj senliman ĝojon kaj honoron akcepti la eminentulon D-ron G. J. Ramstedt, ambasadoro de Finnlando en Tokio, kiu tuj post alveno al Tokio, Februaron de la lasta jaro, partpreninte al nia movado en Tokio, kuraĝigadas kaj entuziasmigadas niajn batalantojn en la ĉefurbo: por fari lekcion pri "la lando de dekmillago," laŭ invito de la ĉiutaga ĵurnalo "Asahi," vespere la 15an de Feb. li alvenis, akompanata de nia fervora propagandisto Sro. M. Ga, nian urbon, centro de komerco kaj industrio en nia lando. Ni, anoj de "Verda Utopio" Sroj J. Hirano, H. Moriuĉi, T. Ajsaka kaj K. Fukuta, kaj Sro. A. Takao, redaktoro de "Ŝôkokumin-Ŝimbun" (semajna gazeto por geknaboj) akceptis en Osaka stacidomo lin; kaj poste, por doni niajn samideanan saluton kaj koran respekton al la gasto, ni vizitis en Osaka hotelo lin.

Vespere la 16an, profitante malmultan tempon antaŭ lia lekcio, ni aranĝis ĉe la restoracio "Nadaman" vespermanĝon por bonvenigi D-ron Ramstedt kaj S-ron Ga. Ĉe la deserto Fino. S. Ono faris bonvenigan paroladeton. Estis bedaŭrinde, ke pro la manko de la tempo ni ne povis sufiĉe plene ĝuadi la verdan vesperon.

De la 7-a, en la halo de la ĉiutaga ĵurnaro "Asahi,", unu el la plej potencaj kaj legataj en japanujo, Dro. Ramstedt faris en esperanta lingvo (sub interpretado de Sro. Ga) interesan lekcion pri Finnlando, la lando de dekmillago, kiu sendis al nia lando la unuan esperantistan ambasadoron en la mondo kaj hontigas la registarojn de la granda nacio, kaj kies politika fundamento staras sur rajto ne de malplejmulto kiel en japanujo, sed de plejmulto, antaŭ ĉirkaŭ 700 personoj. Kaj poste oni prezentis al la aŭskultantoj belegajn pejzaĵojn kaj interesajn morojn de la lando per lumbildo. La lekcio kaŭzis al la aŭskultantoj grandan intereson ne nur al la nekonata de japanoj nova respubliko, sed ankaŭ al nia lingvo Esperanto. (K. Verda)

## XIIIa Universala Kongreso de Esperanto

(31. Julio ĝis 6. Aŭgusto 1921 en Praha)

IVa kaj Va komuniko (mallongigita)

**Komitato.** Propaganda sekcio estas dividita en la sekciojn: por eksterlanda propagando (sekciestro Sro. Silka, landa asistanto) kaj enlanda propagando (Sro. Bouska.)

**Teatra prezentado.** Oni ludos esperantlingven tradukitan ĉeĥan komedion "Noc na Karlstejne" (Nokto en Karlstejn) de Jaroslav Vrchlicky, ĉefa ĉeĥa poeto kaj verkisto.

**Subkongreso.** Ia Kongreso de Liberiga Stelo, internacia asocio de antaŭenemaj esperantistoj.

**Fakaj Kunvenoj.** Por *sportistoj*, aranĝas Universala sportligo (sekretario Sro. Pedrazzini en Locarno, Svisujo); *komercistoj* (Dro. Unger, redaktoro de Internacia Komerca Revuo en Zürich, centra poŝtfako 6104); *psikistoj* [spiritualistoj] (Sro. Sklencka, delegito de UEA en Hradec Kralove, Ĉeĥoslovakio); *anoj de malgrandaj nacioj* (Prof. Fridrich en Prostejov, Ĉeĥoslovakio); *framasonoj* (Sro. Faulhaber, sekre-

tario de Universala Framasona Ligo, Amsterdam, Borgersraat 103); *sciencistoj* (Dro. Kamaryt, prof. en Bratislava, Telocvicna 3). La interesuloj pri la fakaj kunvenoj sin turnu al la ĝis nun publigitaj organizantoj!

**Kotizaĵo.** 25 frankoj-oro (antaŭmilita valoro). Pluaj *samfamilianoj* pagas nur 60% de la kotizaĵo. Post la Ia de Junio 1921 altiĝos la kotizaĵoj je 50%.

Ĉiu pagas en sia ŝtata valuto! La sumon sendu pere de kiu ajn banko al la banko "Bohemia" en Praha je la konto de la XIIIa Universala Kongreso de Esperanto kaj samtempe sciigu pri la aliĝo kaj monsendo la ĝeneralan sekretarion!

**Vojaĝaferojn** (biletojn, transporton de la valizoj, informojn ĉiurilatajn) prizorgadas al la kongresanoj "Cs. Cestovni a dopravni kancelar" (vojaĝ- kaj transport-ofcejo, fondita de la ministerioj por komerco kaj fervojoj) en Praha II, Mikulandska 7.

**Adreso** por nur prikongresaj koresponpaĵoj kaj oficialaj aliĝoj: Sro. Aug. Pitlik, komisario ĉe komerc-ministerio, ĝenerala sekretario de L.K.K., Praha III, Nerudova 40.

Loka Kongresa Komitato.

---

# Gazetoj Ricevitaj

**Esperanta Finnlando** (No. 1, Ĝis 12). Organo de Esperanto-Asocio de Finnlando. Formato: 17 × 23 cm. 24 paĝa monata revuo riĉe ilustrata nur en Espesanto. Jarabono: 33 Fmk. Administracio: Esperanto-Oficejo Finnlanda, Kasarminkatu 20, Helsinki, Finnlando.

**Itala Esperantisto** (Nov.) Organo oficiala de Federacio Itala Esperantisto. Formato: 13 × 25 cm. 18 paĝa monata revuo nur en itala lingvo. Jarabono: Fr. 15.–. Redakcio: Via Spiga, 29, Milano, Italujo.

**Kristana Espero** (No. 3, 4) Provizora organo de la en Hago fondita "Kristana Esperantista Ligo." Formato: 15 x 23 cm. 16 aŭ 32 paĝa dumonata revuo en Esperanto kaj finna lingvoj. Jarabono: Yen 1.50 Redakcio: Laihia, Finnlando.

**Hispana Esperantisto** (Sep.-Okt., Nov.-Dec.) Oficiala Organo de "Zamenhofa kaj Andaluiza Federacio." Formato: 17 x 22 cm. 16 paĝa ilustrata monata revuo nur en Esperanto. Jarabono: Sm. 2.00. Administracio: Pau Luear, 5, Imprenta, Madrid, Hispanujo.

**L' Esperanto** (Okt.-Nov.) Internacia monata revuo sub patronado de Itala Katedro de Esperanto. Formato: 18 x 25 cm. 18 paĝa Monata revuo, kun 8 paĝa aldono de kurso de Esperanto, en esperanto kaj itala lingvoj. Jarabono: Fr. 5. Redakcio: S. Vito al Tagliamento, Italujo.

**Germana Laborista Esperantisto** (Okt., Dec.) Oficiala organo de la Germana Laborista Esperantista Asocio. Formato: 23 x 35 cm. 4 paĝa monata revuo en esperanto kaj germana lingvoj. Jarabono: M. 12. Administracio: Hannover, Asternstrasse 36, Germanujo.

**Universo** (No. 5) Oficiala gazeto por Kolektantoj kaj Korespondantoj en la tuta mondo. Formato: 15 x 24 cm. 12 paĝa monata gazeto nur en esperanto. Jarabono: Sm. 7.50. Administracio: Dietramszellerstr. 10/11 r., Munchen S 50, Germanujo.

**Nia Folieto** (Sep. Okt.-Nov.) Monata Belga Bulteno. 10 paĝa hehtografa gazeto nur en esperanto. Redakcio: Zalmstraat 43, Gent, Belgujo.

**La Unuigita Tuthomaro** (Nov., Dec., Jan.) Formato: 51X25cm. 4 paĝa monata gazeto nur en esperanto. Redakcio: Hamburg 35, Germanujo.

# Koresponda Fako

Uun Linio: En 0.40 (4 respondkuponoj)——Rabato da 10%. por 3 enpresoj kaj 25% por 12 enpresoj.

Mallongigoj: L.=Letero. P.=Poŝtkarto. M.=Poŝtmarkoj. PI.= Poŝtkartoj ilustritaj. E.=Esparantaĵo.

Sro. TADAŜI AJSAKA—(Ĵurnalisto), Takashinohama, Takaishi-machi, Osaka, Japanujo, deziras interkorespondadi pri Esperanta, socia kaj labora problemoj kaj interŝanĝi PI. E.

Fino. MARGARETO ZUNA,—Kossuth-utca 18, Ujpest, Hungarujo, deziras korespondadi kun japanaj samideanoj.

Sro. HIDEO SUNADA, Namba & Co, 30, Akashicho, Kobe, Japanujo, deziras korespondadi kun tutmondaj Samideanoj per PI.

Sro. G. H. MOL, Paulus Potterstrato 79, Hago, Nederlando, deziras korespondadi kun japanaj samideanoj.

Sro. DOUGLAS RICHARDSON, 7, Gowe st. Baln ain, Sydney. Aŭstralio, deziras korespondadi kun japanaj samideanoj.

Sro. CARL KUEPER, Graf-Adolf st ato 11-IV, Düsseldorf 3, Germanujo, deziras interŝanĝi memorajojn, fotgr. bild. M. PI., gazetojn K. T. P. kun fervoraj samidean-in-oj.

Sro. FERN SCHOPEN, 678, chaussee de Woterloo, Bruxelles, Belgio deziras korespondadi kun japanaj samidean-in-oj

Sro. OLAVI KRONHOLM, Pori, Finnlando, deziras korespondadi kun japanaj samideanoj per L.PI.

Sro. ROB. KREUZ, Schneckenhofstrasse 13/III, Frankfurt a.MSUd, Germanujo, deziras korespondadon kun gejapanoj per PI. kaj L. Perfektaj (s erantistoj preferataj.

Sro. BRUNO COLIVICCHI, Volterra, Tosc, Italujo, deziras korespondadi kun multaj Aziaj samideanoj per L., Pi. kaj interŝanĝi M., Esp. gazetojn.

Sro. ALBION COSTA(m blisto), Rua Joao do Outeiro, 16-3, Lisbono, Portugalujo, deziras korespondadi kun tutmondaj gesamideanoj per K., PI. kaj intersangi e p. M., esp. Gazetojn k. t. p.; nepre respondos.

Sro. PLAGONIA NARDO, studento, Va G. M li 3-p. 3, Palermo, Italujo, deziras korespondadi kun Japanaj gejunuloj.

Sro. HERM. REMERS, Louisenstr. 97, Düsseldorf, Germanujo, deziras korespondadi kun tutmondaj samideanoj per L., PI.

---





大正十年九月五日印刷
大正十年九月十日發行

編輯兼發行人 福田國太郎
大阪府泉北郡濱寺町字船尾七七九

印刷人 阿部嘉市
大阪市西區京町堀通一丁目十六番地

振替貯金口座大阪五五六二九番
發行所 ヴェルダ・ウトピーオ社
大阪市南區上本町七丁目五二六五